


Tria epoko – numero 11 – Novembro 2020

- KVARANTENO (kaj 7)
- KRISTNASKA LOTERIO
- NOVA KURSO

# LA FOTOGRAFIO – 4
## Robert Doisneau




BULTENO DE VALENCIA ESPERANTO-GRUPO

VALENCIA ESPERANTO-GRUPO
Av. Peris y Valero, 96, 3-a etaĝo, pordo 5
46006 VALENCIA
Tel. 655 315 457

LUM-RADIO
Avda. Castilla, 25, 1-a etaĝo, pordo 1
46380 CHESTE (Valencia)

Redaktoro kaj kompostisto: Eduardo Alonso Navarro

Revizio: Elías Hernández Capdevila kaj Iván García

Rimarkoj pri la bulteno kaj kunlaboroj: valencialuno3@gmail.com

NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## ANTAŬAJ NUMEROJ

Vi povas elŝuti niajn antaŭajn numerojn ĉe nia retejo

https://valencia.esperanto.es/ttt/publicacions/

# ENHAVO



Foto: La Vitrine Galerie Romi, 6éme Arrondissement, Parizo , 1949,
de Robert Doisneau

# SALUTON!
## de Eduardo Alonso

Karaj geamikoj.

Ni komencas ĉi tiun monaton kun bonaj novaĵoj, nia grupo havas kvar novajn membrojn. Raquel, Francesc, María Fernanda, Horia, bonvenon al nia grupo. Ni ankaŭ bonvenigas Ángel Arquillos, la nova Prezidanto de HEF (Hispana Esperanto-Federacio). Gratulon.

La **kovrilo** de ĉi tiu numero estas foto de Pablo Picasso, nomata Picasso kaj la Panoj, farita de **Robert Doisneau**, kiu estas la fotisto, kiun ni prezentas ĉi-monate.

En la kvara parto de **La Fotografio** ni parolos pri fokuso kaj kampa profundo.

La **Angulo de la Esperantisto Ŝak-ludanto**, kiel ĉiam, proponas kvar ŝakajn problemojn por ekzerci niajn neŭronojn, iomete difektitajn dum ĉi tiu pandemio pro la neceso resti hejme.

Fine, ni alvenas al la fino de **Kvaranteno,** kun la pripensoj de Dennis en la sepa semajno da enfermado.

Poste, **Esperantista Biblioteko** prezentas la trian parton de la biblioteko de Elías, la historian sekcion, kaj eble la plej ŝatatan de li.

En nia recenzo pri **La Pasinteco** ni reproduktas artikolon el 1988, kiu ŝajnas al ni grava, ĉar ĝi pripensas la utilecon de ĉi tiu revuo. Kaj denove ni petas viajn kontribuojn al ĉi tiu novaĵletero. Ek!, forskuu vian pigrecon kaj ekverku. Certe vi havas ion por diri al ni.

Kaj finfine, en **La Estonteco**, nia prezidanto Raúl Salinas parolas al ni pri la **Kristnaska Loterio** kaj la nova **Esperanto-Kurso**.

Bonan legadon kaj afablajn salutojn

Eduardo Alonso

# LA FOTOGRAFIO - 4

## de Eduardo Alonso

### 5. Fokuso kaj kampa profundo



Fokuson oni uzas por bildigi la bildon kaj tio dependas de la distanco de la fotilo ĝis la subjekto (**fokusa distanco**). Ĝi povas esti per-mana aŭ aŭtomata (**aŭtofokuso**). La aŭtomata estas tre komforta, kvankam oni devas memori, ke ĝi ne ĉiam enfokusigos pri tio, kion ni volas. En tiuj kazoj estas pli bone uzi per-manan reĝimon.

Multaj spegulaj fotiloj havas **partigitan bildan telemetron** meze de la **celilo**, kiu en nefokusitaj bildoj montras al ni la liniojn kvazaŭ rompitajn. Por fokusi vi devas turni la fokusan ringon ĝis ili aperos rektaj. Sur aliaj fotiloj, duobla bildo aperas kiam la foto estas nefokusita.

Iafoje ni povas vidi, ke nefokusitaj areoj aperas antaŭ kaj/aŭ malantaŭ la fokusita areo. La distanco inter la limoj de la areo kiu estas en fokuso nomiĝas **kampa profundo** (aŭ akroprofundo, aŭ fokusa profundo), kaj ĝi dependas de pluraj faktoroj:



- la fokusa distanco,
- la diafragma malfermo,
- kaj la fokusa longo de la lenso.

La **kampa profundo** malpliiĝas:

- malpliigante la fokusan distancon,
- malferminte la diafragmon,

• kaj kiam vi uzas lenson kun granda fokusa longo.

Vi povas uzi ĉi tion, se vi volas nebuligi fonon por aperi neklara.

Male, la **kampa profundo** pliiĝas:

• pliigante la fokusan distancon,

• ferminte la diafragmon,

• kaj kiam vi uzas lenson kun malgranda fokusa longo.

Ĉi tio tre utilas por igi ĉiujn ebenojn aspekti klaraj.




Por kalkuli la kampa profundo, multaj lensoj havas markojn aŭ skalojn, kiuj indikas kiajn distancojn fokusas.

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| m | ∞ | 100 | 10 | 5 | 3 | 2 | 1,5 | 1,2 | 1 | 0,8 |
| f/ | 22 | 16 | 11 | 8 | 5,6 | 5,6 | 8 | 11 | 16 | 22 |

En la antaŭa ekzemplo ĝi indikus, ke se ni uzas f/22-n, ĝi estos fokuso de 0,8 m ĝis malfinio, dum se ni uzas f/8-n, nur la areo inter 1,5 m kaj 5 m estos fokusita.

Eduardo Alonso

(daŭros)



# FOTISTO DE LA MONATO - 4

## Robert Doisneau, de Eduardo Alonso

"Se mi scius kiel fari bonan foton, mi farus ilin la tutan tempon"



*Cabaret L'Enfer. 53, Boulevard de Clichy, Parizo. 1952, de Robert Doisneau.*

Robert Doisneau (1912-1994) estis franca fotisto, urba kaj dokumenta fotisto kun granda sentemo por kapti la efemeran belecon de la ĉiutageco.

17-jaraĝa li faris sian unuan foton. Foto de iuj rokoj. Li tre hontis foti homojn kaj unue li nur fotis "aferojn", kiel li konfesis jarojn poste. Lia onklo mendis al li lian unuan taskon: foti la konstruaĵojn kaj stratojn de Gentilly.

Li eklaboris kiel industria kaj reklama fotisto ĉe Renault. En 1939 li membriĝis en la Franca Rezistado kaj liaj fotoj pri la okupo kaj liberigo de Parizo ĉirkaŭiris la mondon, montrante la ĝojon de Parizo post la dua mondmilito.

Li portretis la reziston, la militon, la bohemion, la intelektularon kaj la noktan vivon de la urbo, turneante Montparnasse kaj Saint-Germain-des-Prés, kio igis lin la fotisto de "ordinaraj gestoj, de ordinaraj homoj, en ordinaraj situacioj" kiel li mem diris.

Li sciis, ke bonaj rakontoj okazas en elstaraj lokoj, do li atendis en la plej



*De Gaulle, Parizo, de Robert Doisneau*



*L'information Scolaire, 1956, de Robert Doisneau*

interesaj lokoj en Parizo ĝis la foto aperis. Ĉi tio permesis al li akiri bildojn kun tre pripensa komponaĵo kaj grandioza enkadrigo.

Lia rigardo enfokusigis la tenerecon, la rideton. Li estis bona homo, kiu turnis sian pasion kapti vivon en arton. Li estis timida, do li ne faris deproksimajn fotojn, ĉar li ne proksimiĝis al homoj. Li estis la unua, kiu fotis la ĉefajn rolulojn en iliaj plej ŝatataj lokoj. Picasso, Sartre, Camus, Cocteau, Orson Welles, Juliette Gréco, Giacometti.

En 1950, la usona revuo Life komisiis al li, raporton pri la amantoj de Parizo. Unu el tiuj fotoj, "La Kiso ĉe la Urbodomo", fariĝis la plej fama el lia tuta kariero kaj alportis al li tutmondan famon, estante konsiderata de iuj la Gioconda de fotarto. En ĝi li prezentas paron kisantan antaŭ la Pariza Urbodomo, kun forta simbola ŝarĝo, ĉar ĝi reprezentis la esperon de iuj junuloj por la estonteco, post la dua mondmilito.

Unue oni opiniis, ke ĝi estas moment-foto, sed poste oni eksciis, ke temas pri paro da teatraj studentoj, kiujn Doisneau petis kisi sin por la foto. Kvankam, kiel li mem diris, lia intenco estis foti la mondon, ne kiel ĝi estas, sed kiel li volus, ke ĝi estu.

En 1951 li ekspoziciis ĉe la Museum of Modern Art (MOMA) en Novjorko.

Li lasis heredon de 450.000 negativoj.

Eduardo Alonso



*La Kiso ĉe la Urbodomo, Parizo 1950, Robert Doisneau*

# ANGULO DE LA ESPERANTISTA ŜAK-LUDANTO

## de Elías Hernández Capdevila

Kaj jen la ĉiu-monata artikolo pri kvar facilaj ŝak-matoj, atingitaj per nur unu movo de blanka peco. Tiu ŝak-mato povus esti atingita per iu ajn peco, do, per **damo**, **turo**, **kuriero**, **ĉevalo** aŭ **peono**. Kompreneble, mi montras ankaŭ la solvon ĉe ĉiu ŝak-mato. Bonvolu provi ne rigardi la solvon ĝis post paro da minutetoj ...

Por faciligi al vi tiun taskon, mi ripetas necesan klarigon, pri la ĉefaj menciindaj ideoj pri tiu mirinda sporto-scienco:

La ŝak-tabulo aspektas tiel, kun pecoj (maldekstre) kaj sen ili, tute malplena:






Jen la diversaj pecoj. La pecoj moviĝas kaj samtempe ekkaptas tiel:

- **Reĝo**: po unu ĉelo ĉiu-foje, en libervola direkto (vertikale, horizontale aŭ diagonale, kaj antaŭen kaj malantaŭen). Angle KING, france ROI, valencie REI kaj hispane REY
- **Turo**: laŭlonge de vicoj kaj kolumnoj (ĉe ŝak-lukto ĉiu



kolono nomiĝas kolumno). Komence, estas du turoj por ĉiu ludanto sur la ŝak-tabulo. Angle ROOK, france TOUR, valencie TORRE kaj hispane TORRE

- **Kuriero**: laŭlonge de la diagonaloj. Estas ankaŭ du kurieroj sur la ŝak-tabulo por ĉiu ludanto, unu moviĝanta sur blankaj ĉeloj, la alia sur nigraj. Angle BISHOP, france FOU, valencie ALFIL kaj hispane ALFIL
- **Damo**: laŭlonge de vicoj, kolumnoj kaj diagonaloj. Oni povas diri ke ĝi kapablas agi kiel turo kaj kiel kuriero, samtempe. Sed atentu: la damo ne povas agi kiel la ĉevalo ... do, ne forgesu ĉi tiun ne-kapablon ... Angle QUEEN, france DAME, valencie DAMA kaj hispane DAMA
- **Ĉevalo**: per saltoj laŭ la litero L (du ĉeloj rekten kaj unu flanken, aŭ unu ĉelo rekten kaj du flanken). Ĝi povas transalti kaj siajn proprajn pecojn kaj la pecojn de la alia ludanto. Ĝi estas eble la plej ŝatata peco kiu staras sur la tabulo, ĉar oni povas duoblo-ataki aliajn kontraŭajn pecojn pli facile ol per kuriero, turo, damo, peono aŭ eĉ la reĝo ... Komence estas du ĉevaloj sur la ŝak-tabulo por ĉiu ludanto. Angle KNIGHT, france CAVALIER, valencie CAVALL kaj hispane CABALLO
- **Peono**: je unu ĉelo antaŭen, neniam mal-antaŭen, se tiu ĉi ĉelo estas vaka aŭ malplena (se la peono estas ankoraŭ en la baza pozicio, ĝi povas transmoviĝi je du ĉeloj antaŭen, se ambaŭ ĉeloj estas vakaj aŭ malplenaj). Plie ĝi povas preni aŭ ekkapti pecon de la alia ludanto, kiu estas sur diagonale najbara ĉelo staranta antaŭ la peono. Komence estas ok peonoj por ĉiu ludanto. Angle PAWN, france PION, valencie PEÓ kaj hispane PEÓN

La ŜAK-LUDO estas rigardata kaj konsiderata de la UNESKO kiel SCIENCO kaj SPORTO, samtempe, kaj tiu Institucio rekomendas vigle ties uzadon kaj diskonigon per mez-lernejoj en la tuta mondo.

Kaj jen niaj kvar ĉi-monataj ŝak-matoj (rememoru: oni povas atingi ĉiun ŝakmaton per nur unu movo de blanka peco).

Kvankam eble vi ne konvinkiĝos, ludi ŝak-ludon, aŭ almenaŭ provi solvi malgrandajn problemetojn, kiel tiujn kiujn mi montras al vi, estas eksterordinara ekzerco por via menso kaj por via kapablo koncentriĝi:

Havu kuraĝon, kaj provu solvi la kvar problemetojn!

| | |
|---|---|
|  | ***SOLVO***: kaptante la nigran kurieron ĉe *g7* la kolerema nigra reĝo ne povos forfuĝi ĉar la blanka kuriero malhelpas tiun fuĝon de *c3*. Ĉi tiu ŝak-mato nomiĝas KISO DE LA MORTO de damo helpe de kuriero |
|  | ***SOLVO***: kaptu la nigran peonon de *h7*. Nun la malkontenta nigra reĝo havas nenian fuĝeblan ĉelon tra kiu ĝi povus forpuŝi la atakon de la ridema damo. Ĉi tiu ŝak-mato nomiĝas KISO DE LA MORTO de damo helpe de ĉevalo |

| | |
|---|---|
|  | ***SOLVO***: ĉi tie, la kompatinda nigra reĝo havas nenian alian ĉelon al kiu transiri, krom tiuj de la kolumno h. Do, la blanka turo nur devas kontroli tiun kolumnon, per translokiĝo ĝis h3... Dio savu la reĝon!! |
|  | ***SOLVO***: movu la blankan damon ĝis *g7.* La malfeliĉa nigra reĝo ne povas ekkapti tiun damon, nek forkuri ĝis sekura loko, nek meti alian propran pecon inter li kaj la damo, nur morti pro atako de tiu feliĉega blanka damo... Ĉi tiu ŝak-mato nomiĝas KISO DE LA MORTO de damo helpe de peono |

Elías Hernández Capdevila

# KVARANTENO – kaj 7

## de Dennis Keefe

**Kvaranteno, Tago 43**

Aŭskultis prelegon pri unu el la fruaj verkoj de Cervantes nomata La Galatea.  Konante tiun verkon helpas kompreni Kiĥoton iomete pli.   Videblas, ke Cervantes kontraŭstaris la tradiciojn de sia epoko.

Ĉeestis zoome la lastan parton de la tiel nomata Malferma Tago de UEA (Universala Esperanto-Asocio de Roterdamo).  Miris je la tre bonkvalita sono.   Mirinde bela. Estis 120 ĉeestantoj.

En la babilrondo hodiaŭ Eduardo parolis pri radio-arkivo de radio-noveloj de RNE,  ekzemple "Milito de la Mondoj" de Orson Wells. Elias refoje starigis demandojn.   Dennis parolis pri sia sperto rilate la UEA Malferma Tago.  Partoprenis ankaŭ Pepe.

Aŭskultis alian novelon de Stefan Zweig:  "Unsichtbare Sammlung".   Tre bone voĉlegata, sed ne sufiĉe bone surbendigita.

Intencis registri legadon de Don Kiĥoto por la HEF-projekto, sed mi komencis tro malfrue, kaj ne sukcesis prilumigi min bone, do morgaŭ dum la hela parto de la tago mi filmos mian legadon.




**Kvaranteno, Tago 44**

Ĉefa trajto de hodiaŭ estis la ŝanĝoj ekstere, ne rilate la veteron, sed la ekaperon de dekoj da infanoj apud kaj sur la plaĝo. Entute, kun patro aŭ patrino, ili nombris 52 en la parto kiun miaj malbonaj okuloj povis vidi.

Dum ili petolis, plaĝe, mi matenmanĝis kaj legis mian libron pri hispana literaturo de la 16a kaj 17a jarcentoj. Post tio mi aŭskultis prelegon pri la libro Don Kiĥoto faritan de Jesus M. Maestro. La preleganto parolas tre bone kaj vekas grandan intereson en la literaturo de Cervantes.

Dum la babilrondo Eduardo komencis kun mencio de la libro Marta, tradukita de Zamenhof. Elias parolis pri la aŭtoro Tolkien, kaj montris liajn librojn: La Hobito, kaj Mastro de la Ringoj. Li havas tiujn librojn en kvar lingvoj: la hispana, franca, angla kaj Esperanto. Mi raportis pri libro "The Moon kaj Sixpence", libro fikcia iom bazita sur la vivo de la franca pentristo Paul Gaugin.

**Kvaranteno, Tago 45**

Ĝuste kiam miaj komentetoj pri la tagoj de la kvaranteno finiĝos mi ne scias, sed tiu momento rapide alproksimiĝas. En la babilrondo hodiaŭ Elias menciis, ke mi povos rekomenci promeni ekstere la 2an de majo.

Hieraŭ mi ekdormis antaŭ ol fini miajn komentojn. Mi vekiĝis, kaj trovis mian poŝtelefonon tuj apud mi. Mi sen-relege, senhezite puŝis la butonon por sendi.

Hodiaŭ mi uzis la tutan matenon kaj parton de la posttagmezo por studi "Lazarillo de Tormes". Mi legis kritikojn, aŭskultis prelegojn, spektis universitatan lecionon, tralegis la libron, kaj rigardis (fakte antaŭ kelkaj semajnoj) la filmon (1959) -- multe da bona, celstreba laboro. Sed kiam mi legis la mesaĝon de Alberto pri la forpaso de Eduardo Larrouy, mi ŝanĝis mian tutan planon.

Ni decidis dediĉi nian babilrondon hodiaŭ omaĝe al la memoro de Eduardo Larrouy. Ni legis la artikolon en la Bulteno de HEF pri lia vivo, kaj pri lia 107-jariĝo. Morgaŭ ni faros simile. Ĉeestis hodiaŭ Eduardo, Elias, Rosa, Pepe kaj Dennis.

Mi uzis la vesperon por skribi leterojn al familianoj, kaj post tio, mi studis la ĉinan lingvon, skribante frazojn en kaligrafio, kio tre plaĉas al mi.



**Kvaranteno, Tago 46**

Uzis la matenon por pli profunde studi Kiĥoton, aŭskultante prelegojn de fakulo pri Kiĥoto nomata Jesús G. Maestro de la Universitato de Vigo, mi kredas. Li klare kaj rapide parolas, kaj liaj ideoj donas aliajn perspektivojn por kompreni la libron.

Tamen, kaj kvankam granda fakulo, li estas tro certa de siaj propraj ideoj, kaj ne sufiĉe bone priatentas alternativajn teoriojn de certaj fenomenoj. Spite al tio, mi daŭre aŭskultos lin, ĉar li bone konas sian literaturan fakon, kaj mi ankoraŭ scias tro malmulte por esti kompetenta kursgvidanto.

La tago de la fino de la kvaranteno rapide alproksimiĝas. Al mi ne estis tro malfacile resti hejme tiom longe. Ĉiutage mi faras almenaŭ 10,000 paŝojn en mia apartamento, tien reen kaj refoje kaj refoje kaj refoje. Mi multoble preferas la liberan vivon, tamen ne gravas nun.

En la babilrondo estis nia dua tago omaĝe al Eduardo Larrouy, kaj morgaŭ ni tiel daŭros. Ni legis kaj interparolis pri la artikolo de HEF. Partoprenis Ivan, Pepe, Eduardo, Elias kaj Dennis.

Post la babilrondo mi aŭskultis la radian intervujon faritan de pola radio kun Eduardo Larrouy, kiam li estis junulo (91-jara) -- vidu la supran anoncon de Luis. Larrouy substrekis la valoron de MOVADO, kaj ke ne sufiĉe da homoj estas informitaj pri Esperanto. Konsentite.

Vespere mi serĉis, sed trovis nur malmultajn episodojn de Kiĥoto kaj Sanĉo "dibujos animados" de la jaro 1979. Fernando Fernán Gómez estas la voĉo de Kiĥoto, kaj Antonio Ferrandis tiu de Sanĉo. Mi tre ŝatas la malferman muzikon komponitan de Juan Pardo.



**Kvaranteno, Tago 47**

Stranga komenco de la tago: aviadilo, helica, flugadis malalte kaj malrapide tien kaj reen proksime de la plaĝo. De tempo al tempo ĝi faligis grandan kvanton da akvo en la maron. Ĉu nur akvo? Kiacele? Mistero, sed certe estas simpla klarigo.

Preparante la Kiĥoto-Kurson por vendredo, mi aŭskultis Ĉapitron 16 en la hispana lingvo dufoje, kaj poste spektis du prelegojn pri Kiĥoto en la hispana. Unu tuŝis religion kaj la verkojn de Cervantes. La alia pritrakis humuron en Kiĥoto. Ambaŭ estis de Jesús G. Maestro, kiun mi menciis hieraŭ.



En la babilrondo hodiaŭ ni finis nian omaĝon al Eduardo Larrouy. Partoprenis Eduardo, Pepe, Rosa, Fernando, Elias, kaj Dennis. Morgaŭ ni rekomencos prezentadojn por tiuj kiuj volas plej aktive partopreni. Ankaŭ bonvenas tiuj kiuj preferas nur aŭskulti.

Mi refoje studis la ĉinan iom matene, iom posttagmeze, kaj ĉe la fino de la tago. Mi rigardis lecionon pri la Franca Revolucio de UCLA, kaj tiel komencis endormi.

**Kvaranteno, Tago 48**

Hodiaŭ estas la antaŭlasta tago, kaj morgaŭ la lasta kiam mi skribos pri mia vivo dum la kvarantena periodo, ĉar sabate ni ĉiuj rajtos ĝui liberecon eliri el niaj loĝejoj kaj promenadi. Unuvorte, la rigora parto de la kvaranteno baldaŭ finiĝos.

Ĉe la unuaj tagoj de la kvaranteno mi eĉ ne sciis, ĉu mi kapablos elteni esti enŝlosita en mia apartamento tagon post tago. Sed, mirakle, mi kapablis

akcepti mian sorton trankvile, kaj sincere dirite, kelkaj horoj kaj tagoj estis tre kontentigaj kaj ĝojplenaj.

Mi ne estas tre ekstravertita homo, kaj mi relative facile povas ŝati miajn momentojn izolitajn. Helpas, ke mi vidas kelkajn centojn da kvadrataj kilometroj da maro. Kaj libroj. Kaj geamikoj kaj familianoj ĉe la aliaj ekstremoj de longa drato. Kaj tiuj universitataj kursoj pri kiuj mi ofte parolis estas grandaj plezuroj.

La babilrondo kaj kursoj esperantaj multe helpis al mi, donante tasketojn por fari ĉiutage: legi kaj prepari lecionon por Kiĥoto; provi ĉiam novan temon por prezenti inter la 6a kaj 7a ĉiutage. Kaj interŝanĝi ideojn kun la babilantaj Esperantistoj de Valencio estis ege agrabla travivaĵo dum ĉi tiu historia momento.

Spite al ĉio ĉi, mi multe preferas esti kun vi, en PIV, en trinkejo, en kafejo, ie ekstere, iel ĉeeste. Kaj ne plaĉas al mi tajpi per miaj du mallertaj dikfingroj!

"In media res"

**Kvaranteno, Tago 49**



Lasta skribaĵo pri la 49 tagoj de la kvaranteno. Morgaŭ finfine povos eliri, kiel la hundoj tiel faradis dum sep semajnoj. Estis interesa kaj valora sperto skribi esperantan taglibron.

Se mi kuros aŭ biciklos morgaŭ mi povos iri ien ajn en Cullera. Se mi piediras, mi ne devas preterpasi la limon de unu kilometro. Miaj promenadoj ofte atingas 10 aŭ 15 kilometrojn, do tien reen tien reen 10- aŭ 15-foje, kio tamen estas progreso, ĉar nur hodiaŭ mi horizontale resaltis inter miaj muroj 600-foje!

**LA FINO DE LA ĈIRKAŬFERMADO NE SIGNIFAS, KE JAM NE ESTAS VIRUSOJ, ĜI SIGNIFAS:**
**NI JAM HAVAS ĈAMBRON POR VI EN LA MALSANULEJO.**
**Ne forgesu, ke ni NE eliras el la pandemio, ni eliras KUN la pandemio.**
Protektu vin, portu gantojn kaj maskon. Ni ne faru kvazaŭ ni estus hejme dum 50 tagoj por amuziĝo.

**ĈI TIO ESTIS NENIA ŜERCO**

Mi esperas, ke miaj ĉiutagaj, enuigaj, kvarantenaj raportoj ne estis tro ĝenaj. Fakte mi skribadis ilin parte pro instruadaj kialoj, zorge elektante frazojn kaj gramatikaĵojn kun iom da pedagogia valoro.

Mi skribis ĉiutage kaj iom longe spite al la malfacilaĵoj tajpi per dikfingroj, ĉar mi ŝatas komuniki iom profunde. Mi volis ankaŭ fari sufiĉe kompletan "raporton" pri ĉi tiuj unikaj, historiaj tagoj. Pri la 49 el 49, mi povas esti iom obstina, ĉu ne?

Nun mi daŭre laboros por plibonigi la kursojn, ĉiam serĉante "metodojn" kiuj sufiĉe simplas kaj sufiĉe bonas, por ke multe da aliaj Esperantistoj povu utiligi ilin sen esti denaskaj instruistoj.

Restu sanaj almenaŭ ĝis la alveno de nova vakcino. Lernu iomete da Esperanto ĉiutage se eblas.

FINO

Dennis Keefe

# ESPERANTISTA BIBLIOTEKO
## de Elías Hernández Capdevila

Kaj mi denove daŭrigas mian ĉiu-monatan tekstaĵon en kiu mi parolos pri libroj verkitaj ***PER***, ***POR***, ***PRI*** aŭ ***PRO*** Esperanto, kaj, kompreneble, poseditaj de mi mem. Jes ja, la temo de ĉi tiu bultenero estas ***miaj Esperanto libroj***, ĉu tradukitaj ĉu verkitaj originale per nia mirinda lingvo. Kaj mi ŝatus daŭrigi aludon al mia Esperanto libraro, kiun mi gardas ĉe mi kiel plej ŝatinda trezorego. Fakte mi kolektas librojn -ĉu en papera versio, ĉu en pdf-a aŭ kindleversio- ekde antaŭ multe da tempo, jam pli ol dek jaroj. Kaj mi povas konfesi ke ĉi tiu tasko estas unu el la plej agrablaj labor-okupoj, legante kaj relegante ilin ĉiu-jare.

De ĉi tie mi ankaŭ kuraĝigas aliajn geesperantistojn montri siajn Esperanto librarojn, revuojn, bultenojn, ktp. Vi nur devus kontakti nian ĉef-redaktoron, Eduardo, kaj sendi al li malgrandan tekstaĵon pri via Esperanto libraro, kune kun fotaĵo.

Kaj jen mia kvara kolekto da libroj, ĉi-foje tiu kolekto temas pri ***HISTORIAJ LIBROJ***:




- ✔ ***ANTAŬ DUMIL JAROJ***: belega verko, verkita originale en la portugala lingvo, kaj majstre tradukita en lingvon Esperanton de Porto Carreiro Neto. Ĝi temas pri okazaĵo okazinta unue en la malnova regiono de Palestino, kaj poste en la romia urbo Pompejo. Fakte, oni povas trovi




longan kaj belan priskribon pri la erupcio de la vulkano Vesubio en la jaro 79 p.K.

- ✔ ***QUO VADIS***: tre bela verko, originale verkita de la pola verkisto Henryk Sienkiewicz per la pola lingvo, kaj bele tradukita Esperanten de Lidia Zamenhof, filino de nia majstro. Ĉe Pola Radio oni legas ĉiu-tagan ĉapitron jam de kelkaj jaroj, per bela virina voĉo. Laŭ eble vi scias, oni produktis famegan filmon pri tiu verko dum la dua duono de la XXª jarcento.
- ✔ ***FABIOLA***: originale verkita de kardinalo Wiseman en la angla lingvo, kaj tradukita de E. Ramo. Ankaŭ kiel ANTAŬ DUMIL JAROJ, temas pri la ĉiu-taga vivo en la romia Imperio dum la unua jarcento de nia epoko.

***Rimarko***: mi ankoraŭ estas serĉanta aliajn historiajn librojn en Esperanto, kaj eble ĉi-jare mi akiros LA FARAONO, de Henryk Sienkiewicz, ĉar mi trovis ekzempleron ofertitan de kolektisto ĉe Interreto. Se iu el vi posedas historiajn librojn en Esperanto, bonvolu diri tion al mi, ĉar mi volus plivastigi mian kolekton, kio signifas ankaŭ plibonigi ĝin.

Elías Hernández Capdevila



# LA PASINTECO

## Provisora foriro de J. Pérez Sempere de la redaktado de nia bulteno




Pro troa profesia laboro, la fondinto kaj subtenanto de la dua epoko de "Valencia Luno" ne povas daŭrigi sian mirindan laboro redakti, tajpi, enpaĝigi, presi kaj krampi tiun ĉi bulteno.

José Añó kaj Pascual Pont anstataŭas lin por redaktado, tajpado kaj enpaĝigo ĉar Pérez Sempere ankoraŭ daŭros kiel krampisto kaj presisto.

Tamen estas certe ke "Valencia Luno" perdis (ni esperas ke nur momente) la perezsemperespirito kaj tio estas bedaŭrinda ĉar riskas multege la vivon de tiuj ĉi paĝoj, kvankam ni ĉiuj klopodos ĝian daŭron.

Ni devas profiti tian okazon por repensi la celon de nia bulteno kaj serioze mediti pri la vero de tiu opinio kiu diris ke Esperantujo havas tro da bultenaĉoj, fibultenoj kaj bultenetoj. Ĉu estas utila tia proliferado? Ĉu ne estus plej taŭga kunigi niajn strebojn en unu altkvalita revuo?

La opinio de la redakcio estas ke oni devas zorgi tian multobligon da eldonetoj kaj inter ili nia "Valencia Luno". Tie ĉi la kialoj, laŭ nia vidpunkto:

* Esperantujo havas tiajn altrangajn revuojn: Monato, Esperanto, Heroldo, El Popola Ĉinio, Fokuso, ktp. Ne ekzistas konkurenco inter tiaj revuoj kaj nia bulteneto. Ili estas komplementaj.

* Esperanto estas lingvo viva ĉiam kiam estus uzata. "Valencia Luno" estas motivo por pripensi, skribi, legi, diskuti en Esperanto. Se ĝi malaperus, estas certe ke Esperanto iomete velkus.

* Ni estas malgranda amaso da personoj. Ni devas profiti tian karakteron por fari veran komunumon. Ni devas scii kion ni faris, faras aŭ faros, kion ni intencas aŭ revas. "Valencia Luno" devas esti ilo por kunligi la tutan esperantistaron de la Valencia komunumo.

* Se ni ĉiuj havas vulgaran trajton, tia estas nia universala sento. Ĉu estus eble ke "Valencia Luno" gastigus kaj kovus tian senton, tiel ke ni maturiĝus laŭ vera universala penso? Ni ĉiuj havas korespondantojn tra la tuta mondo, kaj foje ni havas malfacilaĵojn por daŭrigi tian rilaton. Ĉu la sendado de "Valencia Luno" povus helpi al ni, se ĝi vere spegulas al ni ĉiuj?

**POR REALIGI TIAJN CELOJN "VALENCIA LUNO" DEVAS ESTI LA VERKO DE LA TUTA VALENCIA ESPERANTISTARO**

Sendu al ni viajn novaĵojn, agojn aŭ pensojn; buŝe, letere aŭ telefone, per via gepatra lingvo aŭ esperante. Direktu vin al la grupejo de Valencio aŭ rekte al la novaj redaktoroj.

Valencia Luno - Dua epoko - numero 20 - Novembro 1988



# LA ESTONTECO
## Kristnaska loterio 2020
## de Raúl Salinas

Estimataj:

**La Kristnaska loterio jam estas aĉetebla.** Ĉi-jare ni ludos la numeron 05155. Kvin pintojn havas nia stelo! **La lotilojn ni vendas po 3€ (kun 2’40€ da partopreno pro lotilo).** La interesiĝantoj povas aĉeti ĝin persone ĉe nia sidejo, aŭ per la Reto.

En la klubejo ni deĵoros:

- Sabate la 31an oktobre, de 11 ĝis 13h.
– Lunde la 2an novembre, de 20 ĝis 21h.
– Sabate la 7an novembre, de 11 ĝis 13h.

Por aliaj rendevuoj, simple kontaktu nin respondante al ĉi retpoŝtaĵo, aŭ telefonante al 646 472 142 (Raúl) aŭ al 655 315 457 (Eduardo). Ni klopodu fari la aĉetadon antaŭ ol ebla dua enfermigo.



Por la aĉeto per la Reto:

1. Transpagu la sumon al la konto de la Valencia Esperanto-Grupo.
IBAN: ES28 3159 0073 2026 9903 1221.
2. Sendu retpoŝton al ni informante pri la pago.
3. Ni konfirmos al vi la aĉeton respondante al via retpoŝto per skanaĵo de viaj lotiloj. La Grupo gardos la lotilojn sekure.
4. Kiu deziros konservi la nepremiitajn lotilojn kiel memoraĵon, post la lotado ni povos sendi ilin per ordinara poŝto, post enspezi la transportkoston el la petanto.

## Dankon pro via kontribuo, kaj bonan ŝancon! ☺
## Valencia Esperanto-Grupo.



# ELNULA KURSO 2020
## de Raúl Salinas



La 3an novembre de 2020 ni komencos alian kurson de Esperanto el nulo.

**Prezo:** Senpaga

**Lingvo de la lecionoj**: Hispana

**Kondiĉoj**:

- Scipovi hispanan ☺
- Havi emon lerni Esperanto
- Ne necesas scipovi iom da esperanto

**Horaro**: Ĉiumarde 19-21 h., inklude paŭzo.



**Instrumaniero**: Per la reto, per videokonferenco.

**Metodo:** BEK-kurso, farita de la talenta Esperanto-instruisto Dennis Keefe, havanta jardekojn da sperto.

**Instruistoj:**

Dennis Keefe

Raúl Salinas Monteagudo



Elias Hernández Capdevila

Rosa Zanón Ferrando

Eduardo Alonso Navarro

**Aliĝo**: Sendu retpoŝton al valencia@esperanto.es kun via nomo kaj telefonnumero.

**Planado:**



2 kunsidoj por klarigi la 16 gramatikajn regulojn

10 sesioj por kompletigi parton 1 de la BEK-kurso

La resto, konversacio, por nedeterminita tempodaŭro.

Pliaj informoj en nia retpaĝo:

https://valencia.esperanto.es/ttt/eo/elnula-kurso-2020/



